WIKIPEDIA

# Moderna greka

La **moderna greka** estas konsiderata la lasta etapo en la evoluo de la greka lingvo, kaj ĝi korespondas al la variaĵo de tiu lingvo parolata ekde la Moderna Epoko ĝis la nuntempo. Oni uzas simbole kiel naskodato la jaron de la Sieĝo de Konstantinopolo (1453), kvankam tiu dato ne kongruas kun klara lingva limo kaj multaj de la modernaj fonetikaj trajtoj de la lingvo jam estis aperintaj antaŭ jarcentoj. Dum granda parto de tiu tempo, ekzistis situacio de diglosio, kun diversaj dialektoj parolataj je regionaj niveloj kune kun arkaikaj skribitaj formoj. Dum la 19a kaj 20a jarcentoj estis grava polemiko lingva ĉirkaŭ la variaĵo populara aŭ demotiko (*dimotikí*) kaj tiu klera arkaikema (*kazarévusa*). La moderna aktuala greka estas bazata sur la demotika variaĵo kaj ĝi estas la oficiala lingvo de Grekio kaj Kipro.

## Bibliografio


- Magadán Olives, M.T. (2003). «Ni idiotas ni energúmenos, pero sí hipócritas. Falsos primos y contrapréstamos en griego moderno.». Quaderns: Revista de traducció (9). pp. 75-91 ISSN 0212-0550. [1] (http://www.raco.cat/index.php/QuadernsTraduccio/article/viewFile/25347/25181) Alirita la 14an de Aprilo 2017.
- Politis, L. (1994). Historia de la Literatura griega moderna. Madrid.